


# PEDAGOGIA REVUO

H·K·B·

OFICIALA ORGANO
DE TUTMONDA ASOCIO DE
GEINSTRUISTOJ ESPERANTISTAJ
T. A. G. E.

6-a JARO N-o 1 JANUARO 1927

## nhavo.





6-a Jaro. N-o 1. Januaro 1927.

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

Oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE).

Redaktejo: HANS LUDWIG, Pirna-Posta IV-b (Germ.) — Administrejo: M. GOLDBERG, Frohburgerstr. 68 p., Leipzig S 3 (Germ.), poŝtĉekkonto Leipzig 20410 — — — Anoncoj: La linio, 3 mm alta, 6 cm larĝa, kostas 0,30 M.

## Packonferenco kaj TAGE-Kongreso.

Pri packonferenco arangôta de la Internacia Eduka Oficejo — Ĝenevo paskon 1927 en Praha ni legas en „Esperanto" n-o 11/12, 1926 jenan informon de Dro. Privat:

„La Internacia Eduka Oficejo, kiu sidas en Genève kaj kies programon jam konas niaj legantoj, decidis kunvoki en Praha, je Pasko venonta, konferencon pri PACO PER LERNEJO. Ĝi entenos tri partojn:

1. Raporto pri ĉio jam provita en lernejoj por alproksimigi la popolojn.
2. Scienca studado de la malfacilaĵoj aŭ baroj al tiaj klopodoj kaj de la psikologia aŭ socia deveno de tiuj baroj, renkontitaj sur la vojo.
3. Diskuto pri praktikaj proponoj, interalie la disvastigo de interlerneja korespondado.

La tuta temo estas tre interesa kaj aktuala. Ĝi priokupas multajn edukistojn en la Okcidento kaj speciale en Kimrujo, kie okazas granda movado pri tio. La problemo pri lernolibroj de historio ankaŭ provokis apartajn konferencojn en Francujo kaj Germanujo. Antaŭ nelonge la Internacia Eduka Oficejo elektis tiun demandon kiel tagordon de grava kunveno en Ĝenevo.

La celo de la Paska konferenco, kiun prof. Bovet espereble mem prezidos en Esperanto, estas diskonigi kaj diskutigi tiun demandon en Centra Eŭropo kaj tie profiti la fakton, ke multaj instruistoj saksaj kaj ĉeĥoslovakaj jam instruas Esperanton kaj tiel posedas rimedon de spirita kaj intelekta interkompreniĝo. La planon aprobis D-ro Eduard Beneŝ aŭdinte pri ĝi en Ĝenevo.

Ni kore esperas, ke venos multaj samideanoj el ĉiuj najbaraj aŭ eĉ malproksimaj landoj. Ĉefe — sed tute ne ekskluzive — la edukistojn interesas la konferenco, ekzemple la instruistojn de elementaj kaj duagradaj lernejoj. La uzo de Esperanto ne povas esti deviga por ĉiuj, sed ĝi dependos de vi kaj ni. Zorgu, ke la konferencon partoprenu granda plimulto de esperante parolantaj membroj kaj tiam la neesperantistaj eminentuloj, kies ĉeeston ni tre esperas, konstatos de si mem kiom helpas kongreson komuna facila lingvo por la diskutoj.

Ni petas afable pripensi tiun gravan aferon kaj anonci al ni tuj kiu povas veni. Kiel kutime, kelkaj el niaj plej kompetentaj spertuloj loĝas tre malproksime. Se iu aprobanto ne povas veni mem, sed deziras helpi la

vojaĝon de alia, ni volonte akceptos apartajn donacojn por tiu celo kaj raportos al la donacintoj pri la uzo.

Ni deziras tutkore, ke tiu Praha konferenco bone sukcesu kaj konvinku la Internacian Edukan Oficejon, ke la esperantistaro entenas multajn progresemajn homojn dezirantajn prepari novan generacion pli saĝe al vivo de paco kaj sindona laboro. D-ro Zamenhof nenion elsopiris pli forte ol utiligi sian lingvon por tiaj taskoj."

Ni Esperanto-instruistoj el tutmondo, speciale tiuj el regionoj proksimaj al Praha, bonege komprenu la inviton al tiu plej grava internacia konferenco. Por tre klare atentigi niajn gekolegojn pri tiu konferenco kaj instigi al multnombra partoprenado, ni decidis aranĝi paskon 1927 en Praha la ĉefkunvenon de TAGE kun la tagordo:

1. Raporto pri la gazeto kaj TAGE.
2. Elekto de la internacia komitato.
3. Niaj taskoj, kreskintaj el la packonferenco.
4. Diversaĵoj.

Nia kongreso okazu post la fino de la packonferenco, tiel ke ni ĉiuj antaŭe povas partopreni tiun konferencon. La precizan daton ni aperigos komence de marto.

Proponojn pri tagordo kaj pri decidoj sendu tuj al nia prezidanto, k-o Albin Neužil, Olomouc-Neředin, Ĉeĥoslovakio.

Ekkonu la seriozan gravecon de la packonferenco por nia movado kaj uzu la okazon aligi ĉiujn Esperanto-instruistojn al TAGE kaj varbi ilin — disdonante ĉi tiujn informojn kaj inviton — por

INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO.

## Internacia Pedagogia Revuo.

Novaj Tempoj (oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj — T.A.G.E) havos ĉi supran novan nomon kaj alian veston. Estas interese konstati ke jam pli frue gazeto kun ĉi tiu titolo ekzistis. Antaŭ mi kuŝas ekzemplero el la unua jaro 1910, Julio, n-o. 3. Ĝi aperis nur post interrompo pli longa ol unu jaro. La ĉefa kaŭzo por tio — laŭ la redaktoro kaj eldonanto kolego Ĉejka — estis la preskaŭ nekredebla indiferenteco de la kolegoj rilate kunlaboradon, kvankam multaj donis promesojn pri alsendo de diversaj artikoloj. Sed estas longa vojo de promeso al daŭra laborado. La eldonanto havis jenan planon:

„Se nia revuo havos almenaŭ 20 efektivajn kaj konstantajn kunlaborantojn el diversaj nacioj, kiuj anstataŭ promesoj sendos al la redaktoro 20 artikolojn, nia revuo povos aperadi regule kaj kun enhavo interesa."

La plano de I.P.R. rompiĝis per la manko de fidelaj kunlaborantoj malgraŭ la fervora kaj sindona laboro de la redaktoro. Ni povas ĝoji ke ĉi tiu danĝero ne plu ekzistas por la venonta nova I.P.R.

I.P.R. estis la organo de Internacia Asocio de Instruistoj, kies prezidantaro estis jena: Honora prezidanto: D-ro E. Boirac, rektoro de la universitato de Dijon, Francujo; Prezidanto: Th. Cart, profesoro de la universitato en Paris. Vicprezidantoj: F. Maréchal, profesoro en Leeds, Anglujo, fraŭlino C. de Chalmot en Koeln, Germanujo, R. Frenkel, inspektoro de gimnazio en Enisejsk, Siberio. Sekretario: F. Durieux, direktoro de lernejo en Lille, Francujo. Kasisto: Th. Ĉejka, instruisto en Bystrice-Hostyn, Ĉeĥoslovakio, ankaŭ

redaktoro kaj eldonanto de I. P. R. La membra kotizaĵo estis pojare 1 spesmilo — 2.50 iamaj aŭstriaj kronoj. Pri la celo de I. P. R. la redaktoro skribas: Nia vivo estas mallonga, precipe la vivo de instruisto, kaj tial ni ne deziras ludi sed labori serioze kaj energie pri niaj aferoj profesiaj. Oni ne forgesu, ke nia asocio estas organizaĵo profesia, kuniĝo de instruistoj — profesiistoj kaj kompreneble, ke la saman tendencon havas ankaŭ nia revuo.

Sur la unua paĝo de la menciita ekzemplero de I. P. R. troviĝas mallonga priskribo el la plumo de J. Krumbholĉ pri tre bona ĝis tiam nekonata portreto de I. A. Comenius, la apostolo de paco kaj artefarota lingvo internacia, el la jaro 1640. La originalo troviĝas en la amsterdama „Rijks-Museum".

A. Ferrière raportis pri kunedukado en Svisujo kaj Anglujo. Li postulis du novigaĵojn:

1. Plibonigado de la eksteraj kondiĉoj de enedukeja vivado; por tiu celo transloki la internulejojn sur la kamparon kaj submeti ilin al la reĝimo higiena kaj morala de novaj lernejoj.

2. Enkonduki en ilin la kunedukadon de seksoj.

Pri „Principoj de edukado de la volo" skribis Stanislas Tomiĉ, instruisto en Hartberg (Stirio - Aŭstrio). „La plej grava flanko de la edukado estas la edukado de la volo, ĉar de ĝi dependas la karaktero de homo". Li alportas fakesprimojn al la nove kreenda pedagogia vortaro.

Nipponlando estas dufoje reprezentita. Grafo Vay de Vaya donas resumon pri: „La gepatroj kaj la edukado de la japana infanaro en la familio", tradukita de I. Wessel el Rotterdam, Nederlando. Li kreas por Japanujo la nomon: Paradizo de infano, ne pro la ekonomia situacio, kiu certe estas same bona aŭ malbona kiel en aliaj landoj, sed pro la ekstrema amemo de la plenkreskuloj por la unua juneco en ĉiuj epokoj de la nacia edukado.

Profesoro Kiuchi Nohara el Chofu (Nipponlando) donis en „Lernejo kaj instruisto" en ekzakta maniero per multa statistika materialo bildon de japana popoledukado antaŭ 1910.

Pri nordiaj instruistkongresoj raportis N. Moesgaard, tiam instruisto en Kjoege (Danujo). Li kreis la vortojn Nordio kaj nordia en la senco de Skandinavujo kaj skandinava, ankaŭ ampleksante Finnlandon. La artikolo montras la fortan unuiĝvolon de la instruistoj el la tri skandinavaj regnoj. De 1870-1910 okazis 10 nordiaj instruistkongresoj.

Kelkaj aliaj tre bonaj resumoj montris per tre riĉa materialo kaj multaj nombroj la staton de la popollernojej en diversaj landoj:

a) La popolaj lernejoj en Rumanujo, de M. Timuŝ, instruisto en Roŝiorj-Ilfov (Rumanujo).

b) Lernejo kaj instruisto en Saksujo, de Felix Uhlmann, instruisto en Chemnitz (Germanujo).

c) La popola lernejo en Kroatujo, de Jos. Anschaŭ, inspektoro en Osiek (Kroatujo).

d) La statistika paĝo. Salajrogradoj de la instruistaro en Malsupra Aŭstrujo, escepte la ĉefurbon Wien (laŭ la leĝo de 25. 12. 1904) de Alois Halamasek, instruisto en Unter-Themenaŭ (Aŭstrujo).

Oni devas konfesi, ke se dum la sekv ntaj jaroj ĝis nun oni estus daŭriginta la publikadon de tia raportoj, la I. P. R. estus tre valora fonto kaj

kolekto por internacia pedagogia vivo. Bedaŭrinde ĝi baldaŭ malaperis malgraŭ la klopodoj de la redaktoro Th. Ĉejka. Ni povas esperi ke Novaj Tempoj — la posteulo de I. P. R., kiu nuntempe aperas en la sesa jaro — baldaŭ alportos la malnovan nomon je pli granda estimo kaj ne plu rompiĝos per manko de kunlaborantoj. Ni menciu ankaŭ la nunan ekzistadon de T. E. P. S. (Tutmonda Esperantista Pedagogia Servo).

Estas ankoraŭ necese raporti mallonge pri la kunvenoj de I. A. I. (Internacia Asocio de Instruistoj) dum la U. E. A.-kongreso en Barcelona. Ĉeestis la kunvenon la duan tagon ĉirkaŭ 200 instruistoj. La diskutoj ne havis temojn tremigantaj la mondon. Oni proponis ke la geinstruistoj je la fino de la esp.-kurso liverigu diplomojn al la lernantoj, ke la revuo estu pli maldika, ke ĝi aperu pli ofte, ke oni nomu malgrandan komitaton por ĉiu nacio anstataŭ nur unu korespondanton, k. t. p. Tiuj ĉi paroladoj ne donis sufiĉe da vervo kaj da nova elasteco. Estas esperenda, ke se nova kunveno de ĉiulandaj geinstruistoj okazos, oni trovos tagordon plenan da riĉa enhavo kaj forta volo.

Ĝis la jaro 1910 I. A. I. (Internacia Asocio de Instruistoj) havis 347 ordinarajn membrojn pagintajn la regulan jarkotizon. R. Räuber, Leipzig.

## El „Tutmonda Esperantista Pedagogia Servo".

### EL ANGLIO.

### Unua avangarda gazeto de instruistoj.

La laborligo de Geinstruistoj (The Teachers' Laboru League) ĵus aperigis la unuan numeron de sia oficiala organo „La Instrulaboristo" (The Educational Worker. — Volumo i. n-o 1, Novembro 1926. Prezo po numero: 3 pencoj. Adreso: 15, Sprinfield Gardens, London E. 5.

Tio ĉi estas grava afero ĉar „La instrulaboristo" estas la sola socialisttendenca instruista gazeto nun aperanta. En ĝi ankaŭ mi esperas akiri de tempo al tempo, spacon por iom el la materialo liverata per nia T'E'P'S. Tiucele mi klopodos ĉe la redaktoro.

Nun mallonga priskribo de tiu ĉi unua numero. Ĝi havas 12 paĝojn (25 × 19 cm) kaj aperos monate. Sur la titolpaĝo troviĝas kopio de rusa priedukada afiŝo, kiu montras okulŝirmitan viron, la brakojn antaŭen etendigitajn, pretermarŝantan krutaĵon. „La neinstruista homo estas blinda homo".

Tutpaĝon okupas raporto pri la konferenco de Eduk-Intern en Vieno, verkita de k-do E. C. Williams', ekzekutivano de T L L, kiu vizitis la konferencon. La ĉefartikolo estas verkita de k-do A. Stanley Redgrove, prezidanto de T L L. Ĝi temas pri la ĉiujara konferenco de la Laborpartio ĉe Margate, rilate al edukadproblemoj.

Troviĝas sur unu paĝo kaj duono bonvenigaj leteroj de C. Trevelyan (ministro por edukado dum la oficado de la laborpartia registaro), profesoro J. J. Findlay, R. H. Tawney, prof. F. Soddy, J. P. M. Millar, sekretario de la nacia konsilantaro de laborkolegioj (N. C. L. C.) kaj Betrand Russel.

Sur alia paĝo la sekretario resumas la laboron de la ligo dum la pasinta jaro kaj fine aperas raportoj de 16 filioj en diversaj urboj.

La 5-a ĉiujara konferenco de la T L L okazos en Londono la 29—30-ajn de Decembro 1926.

Jen traduko de la artikolo verkita de la prezidanto de la Ligo, k-do H. S Redgrove. Raportis: H. Stay, (SAT-ano 2 978).

# Impresoj pri Konferenco de Labora partio ĉe Margate.

1. Dekstruloj kaj Maldekstruloj.

Estas kun iom miksitaj sentoj, ke mi rekonsideras la ĉiujaran konferencon de Laborista Partio ĉe Margate Estas senutile blindiĝi sin je la fakto, ke tre akra kaj maltrankviliga fendo montriĝis inter la opinioj de la t. n. dekstra kaj maldekstra flankoj de la partio. Kelkaj el miaj plej pesimistaj amikoj asertas, ke ni vidas la komenciĝon de efektiva disfendiĝo — ke la „dekstra partio" eventuale serĉos ian interligon kun la liberala partio, dum la maldekstra partio, kune kun la komunista partio, sekvos revolucian politikon. Eĉ kredi la eblecon de tia ruiniĝo estas danĝere. Aliflanke, troviĝas tiuj, kiuj provas minimumigi la fendecon, dirante, ke la maldekstruloj estas nur malgranda malplimulto. Vere balote ĝia forto ĉe la konferenco estis malpli ol 20. Laŭ nombro de delegitoj, la „maldekstra partio" ankoraŭ estas malplimulto, sed ĝi estas multe pli grava.

Ĉiuokaze la situacio estas tre malfacila por tia organizaĵo, kia estas la T L L, kiu ĉiam malfermis siajn vicojn al tiuj posedantoj la plej diversajn specojn de socialista filozofio, de la ekstreme „dekstraj" ĝis same „maldekstraj" kaj al tiaj kia estas mi mem, kiu plej sincere kaj plenkore kredas je la „Unuec-fronto".

Mi sentas tre forte, ke la T L L devas daŭrigi laŭ tiu sama maniero, kiun ĝi jam evoluis. Sed, bedaŭrinde, militpsikologio jam disvolviĝas, kaj same kiel dum la milito, britoj, kiuj kredis je la paco, kiuj opiniis, ke estas pli ol malsaĝe, ke la laboristoj el diversaj landoj mortigu sin, nomiĝis „progermanoj" (germanemuloj) tiel ankaŭ tiuj socialistoj, kiuj kredas, ke la laboristoj pli bone okupiĝus, batalante kontraŭ la kapitalistoj ol kontraŭ si mem, aŭ etikediĝas (sin klasifikas) „komunistoj", aŭ avertiĝas, ke ili devus sin trovi en la komunista partio. Mia propra ago, provante resendi la raporton de la konstanta regula komitato, por ke la afero pri la komunistoj kaj aliaj malpacigaj demandoj povu, pro justeco kaj demokrateca procedo, esti diskutata ĉe Margate, jam malbone kompreniĝis; kaj rekresko de la fortega kaj neinformita kritiko direktita kontraŭ la T L L kiam ĝi filiiĝis kun Eduk-Intern (ĉar verŝajne ĉi organizaĵo enhavas inter sia membraro kelkajn komunistojn — malpli ol 6, mi kredas) povas esti atendata.

2. De infanlernejo ĝis universitato.

La lasta eldonaĵo de la Laborpartia komitato pri edukado, portante la supre cititan titolon, kvankam ĝi enhavas nenian proponon, kiun la Laboristaj geinstruistoj ne povus plenkore akcepti, tamen estas, laŭ la vidopunkto de T L L, nekontentiga, ĉar ĝi nur pritraktas la randon de vasta tempo. Ĉi tiu malkontenteco esprimiĝas pro la Ligo de Margate.

Kion bezonas la laboristaro de ĉi lando ne nur estas pli da edukado, sed nova edukado. Por kontentige solvi la problemon provizi vojon de la infanlernejo al la Universitato, necesas ne nur liveri pli da lernejoj kaj pli da liberaj edukoportunoj, sed ankaŭ zorgege rekompili la lernoprogramon, enketi pri la problemo de disciplino kaj rilatoj inter instruistoj kaj lernantoj kaj fine, reorganizi edukan administradon kaj doni iom da sinregado al la lernejoj.

3. Edukada reformo.

La proponoj skizitaj en la antaŭa paragrafo pritraktiĝis per rezolucioj pri edukado konsentitaj de la konferenco ĉe Margate.

La unua, el Manchester, komisiis la nacian Ekzekutivan Konsilantaron (N. E. C.) starigi „kompetentan laboristan komitaton“:

a) por prepari rekomendojn pri la plej bonaj instrumetodoj kaj metodoj por havigi veran disciplinon en lernejoj;

b) por prepari definitivan planon de sinregado kun demokratieca kontrolo de administrado;

c) por prepari raporton pri ĝis kiom la nunaj libroj, bildoj kaj aliaj iloj uzataj en la lernejoj kaj la kutimaj metodoj instrui kaj disciplini infanojn nutras burĝecan psikologon, militarismon kaj imperialismon; kaj ĝis kiom sub laborista administrado tio ĉi povus esti malhelpata kaj proletariaj sintenado kaj vidopunkto pri la vivo povus esti kulturataj;

d) por prepari definitivan planon por liveri adekvatan nombron da Duagradaj lernejoj (t. n. Centraj lernejoj estu forigataj) kaj da teknikaj Institutoj tendenceme terkulturaj, komercaj, inĝenieraj, transportaj k. t. p. laŭ la laboro, kiun la studantoj ĉeestantaj tiajn lernejojn verŝajne sekvos dum sia posta vivo, kaj por speciale provizi Subĉielajn Infanetlernejojn kaj Uzinlernejojn;

e) por prepari raporton pri la provizumado de taŭgaj instruejoj, instruistaro (kun maksimume 30 lernantoj po ĉiu klaso) kaj de plej ĝisdataj iloj en ĉiuj unuagradaj lernejoj;

f) por prepari raporton pri civilaj rajtoj kaj libero de ĉiuj instruistoj sin ligi kun aliaj laboristoj por forigi kapitalismon.

Ĝis tio ke ĉi rezolucio nur postulas starigon de Komitato Enketa, neniel oni povas kontraŭargumenti ĝin. La frazaranĝo indikas tre „maldekstran vidopunkton kaj pro la disputebla naturo de la strukturo de la proponita komitato, kaj ankaŭ pro la esprimmaniero de kelkaj paragrafoj, la T L L decidis per ĝia Nacia Ekzekutiva Komitato, ke ĝi ne povas subteni ĉi tiun rezolucion Per stranga ŝanco, la Konferenco tamen aprobis gin. La T L L submetis al la konferenco tri rezoluciojn, kiuj laŭ peto de la Konstanta Regula Komitato fariĝis unu, kiu legiĝas jene:

1. Ĉi konferenco postulas tujan ĉesigon de la ŝparema elspezo rilate al Edukado kaj la alprenon de kuraĝa skemo por edukada disvolviĝo. Por ĉi tiu celo necesas tuj klopodi por pligrandigi la nombron de bonedukitaj kaj kvalifikitaj geinstruistoj por ke:

a) la nombro de lernantoj po ĉiu klaso estu pli malaltigata; kaj

b) la jaraĝo por forlasi la lernejon estu plialtigata

Plie, ĉi konferenco instigas ke revizitaj skemoj de Edukada Administrado estu enkondukataj por ke:

a) geinstruistoj en lernejoj kaj

b) gepatroj de infanoj en lernejoj ricevu adekvatan reprezentadon je Konsilantaroj de Direktoroj kaj Estraroj kaj je Edukadaj Komitatoj.

2. Plie, ĉi konferenco kondamnas la vastigitan reakcian kaj imperialisman instruadon el lernejoj, precipe rilate al solenigo pro Impera Tago kaj uzado de historiaj kaj aliaj lernolibroj havantaj kontraŭlaboristaran tendencon; kaj tial alvokas ĉiujn Edukadajn Organizaĵojn de la laboristara Movado, laboristklasaj lernejaj direktoroj kaj laboristklasaj membroj de edukadaj aŭtoritatoj klopodadi por malhelpi pluan solenigon de Impera Tago kaj enketi pri

lernolibroj uzataj kun la celo forigi tiujn verkitajn laŭ kontraŭlaboristara vidopunkto.

3. Kaj fine, ĉi konferenco protestas kontraŭ la viktimigo de geinstruistoj laŭ la Emergency Powers Act (Leĝo pro Urĝokazoj), kaj asertas, ke ĉiu instruisto devus havi la plenajn rajtojn de civitano sekvi ian ajn politikan agadon ekster la lernejo.

Proponante ĉi rezolucion oni atentigis rilate al paragrafo 3-a, ke la T L L sola inter geinstruistaj organizôj en ĉi lando, eldonis manifeston dum la ĝenerala strikego, alvokantan siajn membrojn subteni morale kaj mone la aliajn laboristojn en la granda batalo, kiun tiuj ĉi partoprenis. Oni lojale respondis ĉi alvokon kun la sekvo, ke kelkaj el niaj membroj leĝe persekutiĝis laŭ Leĝo E. P. A. Kondamnoj sekviĝis per eksoficigoj kaj la repreno (nuligo) de instrudiplomoj de la Poredukada Konsilantaro (Registara Fako, Board of Education). Kontraŭ ĉi aĉa rompo de la rajtoj de instruist(in)o esprimi siajn opiniojn kiel civitano kaj libere partopreni la politikan vivon nacian, oni devas fari la plej eble fortan proteston.

La konferenco akceptis unuanime la rezolucion de T L L.

Fine, permesu al mi diri ke kiajn ajn impresojn ĝi eble kreis, kaj spite ĉion direblan kontraŭe, la konferenco miaopinie klare montris ke la Laborista Partio j a interesiĝas pri Edukado kaj j a konscias ĝian gravecon. Estas la devo de la T L L stimuladi ĉi intereson; prizorgi ne nur ke edukado troviĝu unuavice en la programo de la Partio, sed ankaŭ ke ĝia Edukada politiko ĝuste evoluiĝu.

El „La Instrulaboristo“ (The Edukational Worker)
Tradukis H. Stay (membro de T. L. L.)

# EL FRANCIO.

## Kongreso de Nacia Sindikato.

Nacia Sindikato estas la ĉefa organizaĵo instruista en Francio rilate la nombron de aliĝantoj, ĉar ĝi kalkulas iom pli ol 70000 anojn, preskaŭ la du trionojn de la tuta geinstruistaro. Antaŭ du jaroj, ĝi aliĝis al la franca CGT (Konfederacio Ĝenerala Laboro) apartenanta al Amsterdama Internacio. Ĝi kongresis dum lasta aŭgusto en Strasburg Elzaso).

La elekto de la kongresurbo havas apartan gravecon kaj intereson por tutmonda geinstruistaro, tial — ke oni esprimis opiniojn kaj sentojn pri la du provincoj eksgermaniaj: Elzaso kaj Loreno kaj propagandis la ideon de laika (nereligiema) lernejo en tiu regiono tre religia, kie geinstruistoj recitigas katekismon, kantigas religiajn himnojn en lernejo kaj poste en la preĝejo mem.

Du ideoj eliĝas el tiu kongreso: unue, la franca geinstruistaro trairos baldaŭ doloran salajro-krizon. (Jam Poincaré rifuzis aldonajn sumojn por plialtigo de la geinstruistaj salajroj en la buĝeto de 1927) — due, la franca geinstruistaro ege deziras pacon.

Vero estas, ke la krizo salajra daŭras jam de la milito kaj ke la situacio de la jun-instruistoj ricevantaj plej malaltan salajron estas mizereca. Iu delegito dum la kongreso bedaŭris, ke en ĝi oni ne vidas multajn junulojn

(la juninstruistoj efektive sin turnas al la alia organizaĵo pli avangarda; la Instruista Federacio).

Delegito el Elzaso, k-do Kleir eldiris jenan deklaron: „Elzaso estis en ĉiuj epokoj la batalejo de du landoj. Vi vizitis Strasburgon kaj vi certe rimarkis la delikatajn francajn konstruaĵojn de la 15-a jarcento, sed vi certe ankaŭ admiris la germanajn kvartalojn kun iliaj larĝegaj bulvardoj, kien lumo densege penetras. En Strasburg, ni havas statuojn de Gutenberg, de Goethe, germanaj geniuloj — sed ni ankaŭ havas tiujn de Kléber, de Pasteur, kies nura nomo sufiĉus por igi Francion ĝiseterne fama. Dum milito laŭ tiu hazardo, kiu igis nin naskiĝi en unu aŭ en alia flanko de montaro Vogeso, ni estis enbrigadigitaj en unu aŭ en alia flanko militanta kaj kiam ni estis en tranĉejoj, stariĝisantaŭ ni tiu angora demando. „Eble ni pafas sur unu el niaj kuzoj aŭ el niaj fratoj." Tiu monstraĵo neniam plu reokazu. Neniam tero trinkis tiom da sango (sorbis), kiom tiu Elzasa tero. Ni definitive haltigu la sangondon. Ĉar en Elzaso renkontiĝas la du civilizoj franca kaj germana, ili unuiĝu anstataŭ sin kontraŭi."

Lia parolado estis tre aplaŭdata; tamen la ĝustaj vortoj ne estis eldiritaj, ĉar ŝistema francigo de Elzaso kaj Loreno estas nun entreprenata, la franca registaro premas la germanan kulturon kaj trudas la francan kaj se la franca kaj germana kulturoj devus unuiĝi tie, sub kiu standardo, ĉu franca, ĉu germana aŭ sendependa. Dum la kongreso oni ne aludis la du instruistojn punitajn pro tio, ke ili subskribis alvokon postulantan la sendependecon de Elzas-Loreno. Pedagogiaj gazetoj substrekis la kongreson de Strasburg, kiel alligon de la tieaj geinstruistoj kun cetera Francio (la „panjopatrolando"), unuvorte kiel nova konkiro de la du perditaj kaj retrovitaj provincoj.

Glay, ĝenerala sekretario de Nacia Sindikato, prezentis ĝeneralan bildon pri la skandaloj de kapitalisma reĝimo en Francio kaj Eŭropo. Li montris per pezaj dokumentoj la ŝtelojn de la trustaj societoj de sukero, petrolo kaj tritiko. Li jene konkludis: „La instruistaj postuloj ne devas esti ekskluzive korporaciaj (nur istaraj), sed celi ekonomian kaj homecan sindikalismon".

Salutis la kongreson je la nomo de CGT (reformista) ties ĝenerala sekretario Léon Jouhaux, la „filo de la laika lernejo", kiun dankis la kongresa prezidanto Roussel (Rusel) asertante, ke „la instruistoj estos ĉe flanko de CGT en la tuj okazonta lukto, pretaj por respondi ĝian alvokon".

La Nacia Sindikato mendis por siaj membroj nunjare 71492 konfederajn kartojn — kio montras, ke ĝi enhavas 71492 sindikatanojn.

Lapierre raportis pri la vigla kampanio ekkomencita kontraŭ la ŝovinismaj lernolibroj kaj pri la rilatoj de Nacia Sindikato kun Germana Instruista Asocio en celo komune agi per iu „pedagogia porpaca konsento". Telegramo saluta de Internacio de Instrulaboristoj atingis la estraron, kiu pro ne konata kaŭzo ne konigis ĝin al la kongresanaro.

Mercier (Mersje) raportis pri situacio de franca laika lernejo kaj la jenan mocion alprenis la kongreso:

1. Oni malpermesu al privatlernejestroj oficigi fraŭde (kaŝe) kiel instruistojn-helpantojn junulojn lernaĝajn ne diplomitajn.

2. Ĉiuj geinstruistoj havu samajn diplomojn (supera atesto kun pedagogia diplomo) ĉu en publika ĉu en privata instruado.

3. Estu severe aplikata la leĝo disiganta religion de ŝtato pri la lernej-aferoj.

4. Lernejoj kaj instruado privataj estu severe kontrolataj de la departementaj ĉefinspektoroj.

5. Oni konservu ĉiujn publikajn lernejojn, eĉ se gelernantaro estas tre malmulta.

Oni ankaŭ rezoluciis kontraŭ la instruistina grupo „Davidées“ kiu malrespektas la lernejan neŭtralecon en publiklernejoj favore al religia spirito kaj kontraŭ iuj direktorinoj kaj profesorinoj de Normalaj (pedagogiaj) kaj Realaj Lernejoj, kiuj varbe propagandas ĉe lernantinoj por ĉi tiu grupo. „La Kongreso deklaras netolerebla, ke publikaj (ŝtataj) geinstruistoj sendu siajn infanojn en privatan lernejon“.

Koncerne la apartan leĝaron de Elzas-Loreno en lernejaferoj, la kongreso akceptis la 3-punktan jenan rezolucion:

1. Forigo de laŭkonfesia lernejo en tuta Francio (do ankaŭ en Elzas-Loreno.)

2. Tuja enkonduko en Elzas-Lorenon de franca laika lernejo — estu lerneja libereco kaj tolera instruado — morala kaj civitana instruado al instruisto — religio al pastro, ekster lernejo kaj lerneja labortempo.

3. Estraro de Nacia Sindikato estas komisiata insiste interveni (agadi) ĉe registaraj potencoj por urĝe akiri tutan forigon de ĉiuj leĝaranĝoj ankoraŭ konservataj kaj iel montrantaj konfesian devigon en Elzas-Loreno (Konfesiecon de pedagogiaj lernejoj, religia instruado ankoraŭ en programoj kaj devigo al geinstruistoj doni religian instruadon). Marcel Boubou.

## Kongreso de la avangardaj instruistoj.

La kongreso de la Federacio de laika instruistaro (organizaĵo el 3000 geinstruistoj aliĝanta al Moskva Internacio) okazis en Grenoble kaj estas unu el la plej memorindaj. Ĝi novan fojon montris, ke la franca avangarda instruista federacio konservis sian jam antaŭmilite konatan luktemon kontraŭ la premantaj reakciaj potencoj kaj sian fortikan unuecon malgraŭ la diversaj tendencoj en ĝi vigle sin interfratantaj.

Cirkaŭ 300 gekamaradoj partoprenis la debatojn kaj inter ili oni povis ĝoje vidi junajn geinstruistojn grandanombre, kio montras, ke nia federacio estas alloga por la novaj edukistaj generacioj. Supreniĝas al la socia kaj profesia batalo nova tavolo de junaj fervoruloj kaj oni sen troigo povas aserti, ke la pensanta junedukistaro sin direktas al ni pro la klareco de niaj celoj kaj la vigleco de niaj metodoj.

Tri sekciaj kongresoj antaŭis la ĝeneralan:

1. 60 avangardaj instruistinoj reprezentantaj 36 departementaj feministaj grupoj el instruistinoj de nia federacio antaŭkongresis la 5-an de aŭgusto por ekzameni inter alie demandojn pri ŝtataj georfoj, patrineco eksterleĝe, protekto al virino sur kampoj kaj en uzino, al gravedulino kaj infano, pri nervaj infanoj.

2. Samtage kongresis la juninstruistaj grupoj (150 delegitoj el 35 grupoj). Ili rezoluciis por proletaria unueco organiza, „opiniante ke ekzisto de du organizaĵoj naciaj (laborkonfederacioj) estas kaŭzo de proletaria malforteco kaj efektivigo de unueco estas nepre necesa por akiri niajn justecajn postulojn“. En alia rezolucio, la junulara kongreso „novan fojon decidas denunci la doloran situacion en kiu baraktas la junaj ŝtatoficistoj el la diversaj administracio-fakoj. Ĝi protestas kontraŭ la salajraltigo de 12% (kiu pligrandigas la salajro-diferencojn) kaj konstatas ke je ĉiuj salajroŝanĝoj junaj oficistoj estas ĉiam moktrompitaj ĉar la buĝeta suplemento

aliras ĉefe al la maksimumaj salajroj kaj preskaŭ ne al la minimumaj; la kongreso opinias, ke la salajroskaloj por sama profesio kaj laboro ne povas esti defendataj de sindikalistoj ĉar kontraŭa je la principo „Por egala laboro egalan salajron“ kaj tial ĝi alvokas ĉiujn por propagandi „unikan salajron“ (tio estas sama salajro por ĉiuj samprofesianoj aparte konsiderante familiajn ŝarĝojn).

3. Profesoroj dua- kaj supera-gradaj el la federacio ankaŭ antaŭkongresis aparte por la unua fojo kaj montris sian volon labori mane ĉe mane kun cetera proletariaro. Ili pritraktis inter alie la demandon pri „unika lernejo“ (tio estas lernejo atingebla ĝis la plej alta grado de simpla popolido malriĉa).

Ĉe malfermo de la ĝenerala kongreso federacia parolis pri Eduk-Intern kamarado Vernochet ties ĝenerala sekretario. Li iom severe admonis la francan sekcion, ke ĝi ne sufiĉe atentas la kreskantajn postulojn de la progresa vivo de Edukintern, kiun ĝi naskis antaŭ ses jaroj: „kvazaŭ patrino forlasanta sian idon“. Li entuziasmigis la kongresaron, kiam li anoncis, ke en Vieno ĉe kongreso de Edukintern ĉeestos delegitoj el tuta mondo, el ĉiuj kontinentoj kaj koloroj.

De la milito la franca federacio senlace luktas kontraŭ la ŝovinistaj lernolibroj, kaj protestinte ĉe eldonejoj kaj bojkotinte tiajn librojn forbrulendajn, ĝi atingis kelkajn rezultatojn: eldonejoj reeldonis iujn librojn foriginte la fi-paĝojn. De kelkaj jaroj la federacio preparis modelan historian lernolibron francan. K-doj Richard kaj Boutreux finis ties verkadon kaj ilustradon. La libro estas nun presata kaj aperos post kelkaj monatoj. Ĝi estos la plej bona historlibreto en Francio, verkita laŭ vere homara vidpunkto.

Rilate la salajran demandon la kongreso akceptis la rezolucion de la juninstruistoj kaj rezumis sian opinion kaj agemon per la jena rezolucio:

1. La kongreso protestas kontraŭ la aldono de nur 12% ĵus konsentita kiu respondas nur al kosteca indekso 340 dum la indekso atingis nun 550,

2. Atendante tutan revizion, revaloriĝon kaj kunegaligon (kun salajroj de aliaj oficistoj), la kongreso postulas novan monatan aldonon, kalkulatan laŭ vivokosto kaj por ĉiuj egalan (ne proporcian je la salajroj, kiu pligrandigus la salajrdiferncojn inter ŝtupoj kaj malfavorus la junoficistojn).

3. La kongreso opinias nepre necesa la klasifikon de la ŝtatoficistaro en nur 30 ĝis 40 kategorioj salajraj anstataŭ la nunaj 1775 kategorioj sin bazante sur la instruiteco kaj diplomoj de la oficistoj.

4. La federacio instruistara propagandos la „unikan salajron“; ĝi opinias, ke la buĝetaj suplementoj devas unue aliri al juninstruistoj kaj al tiuj ricevintaj malaltajn salajrojn ĝis nun.

5. La federacio postulas forigon de ĉiuj t. n. monhelpoj (salajraldonoj) — krom tiu por familiaj ŝarĝoj, kiujn rajtas ne nur oficistoj sed tuta laboristaro — tiuj aldonoj nur disigas geinstruistojn ĉar estas konsentitaj maljustece al nur kelkaj kolegoj; aldonoj pri direktoreco, kompletiga kurso (infanoj de 13 ĝis 16 jaroj), pri loĝeja monhelpo kaj rezidenca aldono (loĝloko), forigo de direktoroj ne klaslaborantaj kaj de favoritaj salajroŝtupaj ŝanĝoj. La salajro mem estu sufiĉe por ke ĉiu instruisto povu dece vivi sen monhelpoj (krom pro familiaj ŝarĝoj).

6. Postulas nuran helpon pro familiaj ŝarĝoj kalkulatan laŭjene: 30% de fundamenta salajro por unu infano — postulas starigon de varianta salajroskalo (échelle mobile) aldonata al fundamenta salajro: ŝanĝiĝu tiu varia

aldono — post vario de plusa aŭ minusa de 30 punktoj en la vivkosta indekso — proporcie.

7. La kongreso denuncas la financan politikon de la registaro kiu celas nur trankviligi la kapitalistojn kaj pezigi la financajn ŝarĝojn kaj la franko-revaloriĝon sur dorso de laboristaro kaj aparte de ŝtatoficistoj.

„La ŝtatsalajruloj devas esperi nur en si mem kaj interligiĝi kun la cetera proletariaro. Ili efektivigu la nepre necesan unuecon, silentigu la etajn rilecojn kaj egoismojn. La federacio sin deklaras preta por efektivigi unuecan fronton kun ĉiuj aliaj ŝtatoficistoj por komuna agado kontraŭ ŝtatojmastro“.

Diskutado pri sindikalismaj tendencoj estis kiel kutime vigla kaj interesa. La sindikalisma orientiĝo ĉiujare okazigas longan kaj fajran debaton. Ekzistas en nia federacio du kontraŭaj fluoj: unu komunistema kaj alia anarkistema. Unua estas plimulto. La dua riproĉis, ke la sekretario de C' Ĝ' T' U' (Konfederacio Ĝenerala Labora Unitara) al kiu nia federacio aliĝis deklaris en iu komunista kongreso, ke ununura (do komuna) direkcio (gvidado) de sindikalisma kaj komunisma movadoj estas efektivigita en Francio. La plimulto pruvis, ke tia diraĵo ne koncernas nian kongreson, ke la franca unitara sindikalismo estas tute memestra kaj ke gvidanton oni povas kritiki nur se li perfidas la kongresajn decidojn. Oni ne rajtas kritiki lian sintenadon en alia movado: komunista, liberpensa, anarkista, kooperativa, ktp. en sindikalisma kongreso.

Aliokaze, la malplimulto protestis ĉar la federacia estraro estis invitinta du komunistajn deputitojn (Delourme kaj Baroux) ĉe la kongreso. Sed la plimulto juĝis tion bonega, ĉar vero estas, ke tiuj du deputitoj estas profesie instruistoj sindikataj apartenantaj al nia federacio kaj ke nur ili defendis niajn interesojn ĉe la parlamento. Kompreneble se aliaj parlamentanoj defendus la instruistojn, la federacio ilin invitus.

Oni serioze studis la demandon pri dungado de la instruistoj. La kongreso postulis la plimultigon de la instruist-lernantoj en la normalaj lernejoj (seminarioj) en celo inviti nediplomitajn staĝiulojn (nedefinitivaj instruistoj). Edukistoj havu saman lernejan devenon kaj saman diplomon (pedagogia lernejo kaj diplomo). Oni ankaŭ decidis agadi por akiri sisteman organizon de instruist-anstataŭantaro. Instruistoj-anstataŭantoj ne estu plue iu ajn persono nur provizore kaj periode dungata sen diplomoj, sed estu ordinaraj geinstruistoj kompetentaj volonte akceptantaj anstataŭi ie kaj ie iam kaj iam malsanan aŭ forestantan geinstruiston. Kompreneble pro sia plia penado kaj pro vojaĝaj elspezoj li ricevus apartan monhelpon.

La kongreso ne preterlasis la pedagogiajn demandojn kaj k-dino G. Bouet raportis pri la praktikaj rimedoj utiligendaj por jam instrui en lernejo la proletarian moralon, kiu estas la sola racia kaj homeca. De du jaroj la federacio estis studinta la problemon pri proletaria moralo teorie kaj nun pasis al problemo de pedagogiaj aplikoj.

Malgraŭ la tendenca malsameco, la kongreso unuanime elektis k-don Dommanget sekretario federacia. Tiu k-do estas konata propagandisto kaj historiisto de socialismaj pioniroj. Li apartenas al la federacia plimulto kaj estas alte estimata de ĉiuj federacianoj.

Post la kongreso okazis sukcesa mitingo en kiu la edukistoj vokinte la proletariaron de Grenoble montris sian tutan fratecon al ĝi kaj prezentis la gravajn edukproblemojn postulatajn de laboristaro. Post la mitingo la

geinstruistoj kune kun aliaj laboristoj manifestaciis sur la strato, kantante Internacion, per tio protestante kontraŭ la fi-respublikan reĝimon.

Marcel Boubou.

# EL GERMANIO.

## La situacio de la instruist-eduko en Germanio.

La eduko de la geinstruistoj estas unu el la tre diskutitaj demandoj pri lernejaferoj. La germana instruistaro deziras, ke ĝi ne plu fariĝu en la seminario, sed je la universitato. La instruistoj havis ĝis nun jenan edukadon: 8 jaroj de popollernejo (6-a ĝis 14-a vivjaro) kaj 6 jaroj de seminario 15-a ĝis 20-a vivjaro). La konstitucio de 1919 dekretas en la artikolo 143, 2, ke la eduko de la instruistoj estu regulita unuforme por la regno laŭ la principoj, kiuj estas ĝenerale en efiko por la supera eduko.

Sed kiel ankaŭ en aliaj tre gravaj aferoj ĉi tiu parto de la konstitucio ne estas efektivigata, ĉar multaj financaj kaj politikaj malhelpaĵoj donis pretekston por ne plenumi la artikolon la regno rezignis provizore, eldoni leĝon por la eduko de instruistoj. La germana regno konsistas ankoraŭ nun el granda nombro de pli aŭ malpli malgrandaj landoj, kiuj havis nun la rajton memstare reguli la edukon de instruistoj. Do, ĉiu lando aŭ ŝtato agas laŭ ĝia maniero. Per tio rezultas granda kaj tre bedaŭrinda diverseco en la estonta germana popoledukado.

## Reguligo de la instruisteduko en la diversaj landoj.

1. Prusujo. — La ĝenerala eduko de la estontaj instruistoj ne plu fariĝas en la seminario, sed en la supera lernejo de la 10-a ĝis 19-a vivjaro kaj finiĝas per ekzameno pri matureco (abiturienta ekzameno). La profesia eduko poste okazas en dujara kurso en la pedagogiaj akademioj, kiuj estas novaj institucioj kaj havas nenian interligon kun la universitato. La instruplano entenas pedagogion, metodan prilaboradon de la edukenhavo de popollernejo, praktikajn instruekzercojn, gimnastikajn ekzercojn kaj muzikan edukon. Plue propravolaj laborrondoj estas aranĝitaj. La akademioj estas konfesiaj.

2 Bavarujo. — Oni ĝis nun nur havis priparoladojn. Ekzistas ankoraŭ la malnova regulo: Post sepjara vizitado de la popollernejo (6-a ĝis 13-a vivjaro) okazas lernado en la seminario kaj poste ŝtata prepara servo. (aŭskultado) en popollernejoj. La seminarioj estas, kompreneble, konfesiaj.

3. Virtembergo — Ankaŭ V. havas ankoraŭ la malnovan reguligon: 7 jara vizito de la popollernejo kaj 6 jara vizito de la seminario.

4. Badeno. — Normale la ekzameno de matureco sufiĉas kiel antaŭinstruiteco. Sekvas la speciala kurso en la instruistedukejo kiu daŭras du jarojn kaj entenas filozofion, pedagogion, psikologion, religion kaj la politikajn, ekonomiajn, higienajn, agrikulturajn, historiajn kaj geografiajn fundamentajn sciigojn de la lando, enkondukon en la praktikon de la instruo kaj la teknikajn fakojn: desegnaĵo, gimnastiko kaj muziko. Du el la akademioj estas konfesiaj kaj unu simultana (komuna por la konfesioj).

5. Heslando. — La ekzameno pri matureco (abiturienta ekzameno) estas necesa por la antaŭinstruiteco. La sekvanta pedagogia studo-plano daŭras 2 jarojn kaj estas parto de la Teknika Altlernejo en Darmstadt. La studo-plano entenas tri paralelajn kursojn:

1. Teoria pedagogia instruo.
2. Praktika metoda instruo.
3. Instruo kaj lertigado (ekzercado) en la teknikaj fakoj (desegnaĵo, gimnastiko muziko ktp). Dum la libertempo estas praktikaj kursoj por la instruiststudentoj en la lernejoj.

6. Saksujo — postulata antaŭinstruiteco; ekzameno pri matureco ĉe supera lernejo (10-a ĝis 19-a vivjaro). La instruistoj ricevas klerigadon je la universitato en Leipzig aŭ je la teknika Altlernejo en Dresden. Ambaŭ Altlernejoj havas pedagogian instituton por la enkonduko en la praktikan edukarton. En la prelegoj de la Universitato estas instruitaj pedagogio, filozofio, psikologio, higieno de lernejo kaj krome unu fako, kiun la studentoj povas elekti laŭ propra volo. Post la ekzameno plenumita sekvas ankoraŭ unu jaro en la praktika lernejservo.

7. Turingujo. Antaŭinstruiteco: Ekzameno de matureco. Por doni la profesian edukon al instruiststudentoj oni malfermis la 14-an de Majo 1924 la eduksciencan instituton, kiu estas en interligiteco kun la Turinga universitato en Jena. Kun la instituto estas ligita ekzerclernejo, kiu — laŭ la plano de la gvidantoj — estas libera provlernejo por la psikologaj kaj metodaj ekzercoj. Kiel fakoj de studado estas priskribitaj pedagogio, filozofio, psikologio kaj unu faka scienco. La studado daŭras 6 semestrojn — 3 jarojn —. Plue estas aranĝita praktika laboro en la popollernejoj de Jena kaj 5-monata laboro kiel lernejasistanto dum la libertempoj.

7 aliaj tre malgrandaj landoj — lastaj rememoroj de la estintaj multegaj princoj en Germanio — la amplekso kaj administracio de iliaj iamaj landoj restis ankoraŭ — anigis sin en la instruisteduko al la najbaraj pli grandaj landoj.

La tri „Liberaj urboj“ Hamburg, Bremen kaj Lübeck, liberaj ĉar ili ne estas sub la aŭtoritato de iu ajn supre nomita lando, sed senpere kiel memstaraj komunoj sub la regna administracio, estas sufiĉe progresemaj. La unuan lokon havas Hamburg, kiu ankaŭ postulas abiturientan ekzamenon (ekzameno pri matureco). Por la profesia eduko estas necesa tri-jara studado je la hamburga universitato. La sciencan kaj la profesian edukon la instruistoj trovas je la universitato respektive je la kunligita pedagogia instituto. La ĉefan estimon havas pedagogio, psikologio kaj instruo de metodoj.

Tradukis: R. Räuber, Leipzig.

## La porinstruista instruado.

(En ĉi tiu artikolo oni trovos informojn kiuj kompletigas la artikolon de k-o Räuber sur novembra bulteno de T'E'P'S.)

En la konstitucia leĝo de Weimar ni legas: „La porinstruista instruado estas regulenda unuece en la regno laŭ la principoj validaj ĝenerale pro la supera instruiteco“. Tiu de jam longe farita instruista postulo estas efikigita diversmaniere en la diversaj ŝtatoj de la germana regno.

Tuta plenumado en la regno ne ekzistas, ĉar ĝis nun la regnaj registaro kaj parlamento ne donis leĝon regnan, kiu garantias la validecon de la grava konstitucia ordono.

En 1923, la germanaj lernejaj ministroj kunvenis por atingi la unuecan reguladon, sed tiu kunveno malsukcesis, ĉar la proponita rezolucio pri la komuna celo estis akceptata de nur 7 el 18 ŝtatoj, inter kiuj troviĝis Tu-

ringio kaj Saksio. La du plej grandaj ŝtatoj, Prusio kaj Bavario eliĝis el la interkonsento, kiu fiksis jenajn gravaĵojn:

„— Ĉe la estonta porinstruista instruado okazas disigo al la porprofesia instruado de la ĝenerala instruado.

— La ĝisnunaj porinstruistaj instruejoj estas malkonstruendaj.

— La ĝeneralan instruitecon akiras la popolinstruisto sukcese vizitante instruejon kondukantan al la poruniversitata matureco.

— Por atingi la profesian instruitecon, necesas minimume 2 jaroj.

— La porprofesia instruado estas dividita en scienca kaj pedagogia-praktika partoj. Ĝi okazas rilate al la scienca instruiteco en Akademio (universitato, teknika akademio) kaj rilate al la pedagogia instruiteco en pedagogia instituto aligota al la Akademio."

Tiujn proponojn sekvis la leĝdonado en Saksio kaj Turingio. Tie la iamaj porinstruistaj seminarioj estas aliformigitaj iĝinte gimnazi-rangaj lernejoj aŭ kuniĝinte kun la jam ekzistantaj tiaj lernejoj. La iĝonta instruisto devas viziti en Turingio du jarojn la universitaton de Jena, en Saksio tri jarojn la universitaton de Leipzig aŭ la teknikan akademion en Dresden. En tiuj tri urboj estas kunigitaj pedagogiaj institutoj kun la akademioj.

Saksio en Julio 1926 iris ankaŭ la duan paŝon, ĉar la parlamento envicigis la akademie instruitajn popolinstruistojn en salajrgrupon seninterspace antaŭirantan la grupon de la instruistoj ĉe superaj lernejoj. Tiel ĉefpostulo de Germana Geinstruista Unuiĝo estas plenumita.

Ankaŭ la urbŝtato Hamburg projektas trijaran akademian porinstruistan instruadon, sed la de antaŭ du jaroj prelegita plano pri tio ĝis hodiaŭ ne iĝis leĝo.

Kontraste kun ĉi ĉio la sudgermanaj ŝtatoj Bavario, Virtembergo kaj Badeno konservis siajn porinstruistajn seminariojn kaj malgraŭ kelkaj ali-igaĵoj rezignis pri la akomodado al la konstitucia ordono, nepostulante ĉe la komenco de la porinstruista instruado la ateston pri la poruniversitata matureco.

Prusio malkonstruis siajn porinstruistajn seminariojn kaj estigis Pedagogiajn Akademiojn, sed tiuj ne aliĝas al universitatoj. Ili estas memstaraj instruejoj (seminarioj kun akademia alpendaĵo). La memstareco endanĝerigas la instruejan laŭsciencan karakteron, ĉar — kio ne estas ebla en akademia universitato — la projektitaj kvar akademioj estus religiaj en tiu senco, ke du el ili servus la instruadon al instruistoj katolikaj, unu la instruadon al instruistoj evangelianaj kaj la kvara la instruadon al instruistoj de ambaŭ direktoj — kaj kie estas la akademio por la laika lernejo? por tiu lernejo celita de la progresema germana geinstruistaro?

La vizitado al la Prusaj Akademioj daŭras du jarojn, unua kondiĉo ĉe la eniĝo estas la atesto pri matureco, akirita en gimnaziranga lernejo. Plej grava estas la regulado, kiun faris ŝtato Mecklenburg „Schwerin", plej grava ne pro si mem, sed pro aliginta juĝo farita de la regna juĝistaro en Leipzig kaj tial havanta plej grandan gravecon por la tuta germana geinstruistaro.

Ŝtato Mecklenburg en 1925 donis novan leĝon pri la porinstruista instruado kun esence jena enhavo: „La profesia instruiteco estas akirata de la popollerneja instruisto en Pedagogia Instituto de Rostock dum dujara vizitado. Kondiĉo ĉe la eniĝo estas kvinjara sukcesa vizitado al porinstruista seminario aŭ atesto pri samvalora instruiteco akirita en samvalora lernejo.

(7-jara vizitado al gimnazio. Por akiri la ateston pri poruniversitata maturеco necesas naŭjara vizitado al gimnazio!)

Kontraŭ tiu leĝo protestis ĉe la regna ministro de la internaj aferoj interpelaciantaj parlamentanoj kaj precipe la Germana Geinstruista Unuiĝo. La ministro sin turnis al la regna juĝistaro, kiu faris la 27-an de Julio 1926 surprizantan juĝon, ĉar la juĝistaro ne nuligis la leĝon, kiel nelaŭkonstitucian — kaj kaŭze de kio?

La juĝistaro diris esence jenon: „La konstitucia leĝo sin turnis al regno t. e. rilate al la porinstruista instruado ĝi ebligas la regnon doni leĝon al la laŭkonstitucia celo: unueca regulado por ke la ŝtatoj donu samspecajn leĝojn, kiuj bazas la porinstruistan instruadon sur la principoj de la supera instruiteco". La regno ĝis nun ne donis tiun leĝon, tial la ŝtatoj ne havas determinitajn fundamentojn per la unueca regulado, precipe ĉar la difinaĵo „supera instruiteco" ne havas ĝenerale akceptitan sencon.

La juĝo de la regna juĝistaro estas nenuligebla. Antaŭ pli ol kvar jaroj Germana Geinstruista Unuiĝo energie protestis kontraŭ la decidon de la regna registaro, prokrasti la necesan regnan leĝon ĝis ne fiksita templimo kaj cedi la reguladon al la ŝtatoj esperante post tio krei pere de la ministro de l' internaj aferoj proksimuman unuecon sur la interkonsenta vojo.

Kiam kaj kie la popollernejo trovos la solidajn masivajn fundamentojn sur kiuj povos esti konstruata bela konstruaĵo ĝis la alto, kie realiĝas la veraj idealoj?

Schneller (Leipzig).

# Jubilea statistiko.

La jaro 1927 estas jubilea jaro, ĉar 1887 aperis la unua broŝuro de „D-ro Esperanto". Montru, por festi la jubilean jaron antaŭ la tutmonda publiko kaj por honori la memoron de nia majstro, ke ĉi tiu malgranda broŝuro de 1887 estigis grandan, respektindan movadon.

La Internacia Centra Komitato de la Esperanto-movado intencas aperigi statistikon pri la tutmonda Esperantistaro kaj petas respondi la sekvantan demandaron al S-ro prof. D-ro Dietterle, Leipzig W 31, Seumestr. 10.

I. Demandaro por grupoj (societoj, kluboj, rondoj k. s.)

1. lando kaj landparto?
2. loko? (urbo aŭ vilaĝo?)
3. nomo de la grupo aŭ rondo?
4. al kiu organizaĵo la grupo apartenas? (nomu la organizaĵon!)
5. kiom da membroj via grupo havas je la fino de l' jaro 1926?
6. kiom da kursoj la grupo organizis
   a) dum la jaro 1926 (enkalkulite la ĝis nun nefinitajn)
   b) depost la starigo de la grupo entute?
7. ĉu en via loko ekzistas aliaj Esperanto-grupoj? kaj kiuj? (demando nepre respondenda pro la kontrolo, ĉu la statistikestro ricevis ĉiujn sciigojn el via loko).
8. kiom da esperantistoj en via loko ekzistas ekstergrupaj entute! (kalkulu singardeme! nepre ne taksu tro alte! Preferu noti ciferon pli malaltan, sed tute fidindan!)
9. ĉu via grupo
   a) havas bibliotekon?
   b) kun kiom da libroj?
10. tre preciza adreso de via grupo?

Subskribo de l' raportinto.

II. Demandaro por asocioj (federacioj k. s.)

1. nomo de la asocio?
2. celo de la asocio?
3. nombro de la grupoj, kiuj apartenas al la asocio?
4. Kiom da personoj ampleksas ĉiuj asociaj grupoj entute (inkluzive la izole aliĝintaj)

5. ĉu via asocio eldonas oficialan gazeton? kiun?
6. ĉu via asocio eldonas oficialan lernolibron? kiun?
7. preciza adreso de via asocio?

Nur por naciaj asocioj.

8. kiom da lernolibroj aperis en via nacia lingvo?
9. kiom da lernolibroj (laŭ kalkulo de l' eldonistoj) estas venditaj ĝis hodiaŭ?
10. kiuj Esperanto-gazetoj aperas en via lando?

III. Demandaro por izole vivantaj esperantistoj kaj lokoj, en kiuj ne ekzistas grupoj:

1. lando?
2. loko?
3. nombro de la esperantistoj? (aŭkaŭ se ekzistas nur unu, li nepre respondu!)
4. ĉu en via lando en aliaj lokoj ekzistas esperantistoj? kaj kie?

Subskribo kun adreso.

Ĉes respondo estas necesa, se la statistiko estu sukceso. Vi ne estas la plej bona Esperantisto, se vi ne respondas vian parton el la demandaro, kaj se vi ne informiĝas, ĉu via grupo faris sian devon.

## XIX. Universala Kongreso de Esperanto — Danzig.

### Oficiala informilo.

**Dato:** La XIX. Universala Kongreso de Esperanto en Danzig okazos 28. Julio ĝis 4. Aŭgusto 1927.

**Patrono de la Kongreso:** S-ro D-ro Heinrich Sahm, Prezidanto de l' Senato de la libera urbo Danzig.

**Loka Kongresa Komitato:** Honora prezidantino: S-ino Anna Tuschinski. Prezidanto: S-ro Bernhard Aeltermann, Del. de UEA. Vicprezidanto: S-ro Kazimierz Majorkiewicz. Financoj: S-ro Kurt Sachsze. Sekretarioj: F-ino Käthe Marquardt kaj F-ino Schulz. Gazetaro: S-ro Edmund Fethke kaj S-ro Ernst Grabowski.

**Alvojaĝo:** Por la envojaĝo al Danzig trans Stettin — Stolp aŭ Schneidemühl — Dirschaŭ (Tczew), aŭ Königsberg — Marienburg — Dirschaŭ (Tczew) estas necesa eksterlanda pasporto kun pola transitvizo.

Pola vizo ne estas bezonata, se la envojaĝo okazos jenmaniere:

1- per ŝipo de Swinemünde, Pillaŭ, Stockholm, Riga ktp. al Zoppot, de tie per fervojo al Danzig.
2- per fermita koridor-vagonaro de Berlino al Marienburg, de tie per malgrand-fervojo, aŭto aŭ aeroplano al Danzig.
3- per aeroplano de Stockholm, Stettin, Berlin, Königsberg.

Danziga vizo ne estas necesa.

Uzu la aranĝotajn karavanojn de UEA pri kiuj detaloj sekvos en Januaro.

**Kotizo:** Por ĉiuj kongresanoj sen diferenco laŭ landoj: 25 danzigaj guldenoj aŭ 20 germanaj markoj aŭ 1 angla funto aŭ 25 svisaj frankoj. Por blinduloj senpage.

### Aliĝo.

Samideanoj dezirantaj aliĝi al la XIX-a bonvolu uzi la aliĝilon eldonitan. La aliĝiloj estos dissendataj kun tiu ĉi numero kaj poste per la esperantaj gazetoj.

En la kongresan nomaron estos enskribataj nur la personoj, kiuj pagis la kongresan kotizon.

Ĉar por la bona prosperado de la porkongresaj laboroj frua aliĝo estas tre necesa, la samideanoj estas petataj aliĝi kiel eble plej baldaŭ kaj pagi la kotizon Rapidu aliĝi!

## Helpkongresanoj.

Samideanoj, kiuj ne povos ĉeesti la XIX-an, helpos al ĝia bona sukceso aliĝante kiel helpkongresanoj. Ili pagas la kongresan kotizon kaj ricevos la kongres-insignon kaj ĉiujn kongresajn dokumentojn.

## Donacoj.

Ĉar la organizaj elspezoj estas tre grandaj la L. K. K. sin turnas al ĉiuj samideanoj, petante monsubtenon por plibonigo de nia jubilea manifestacio.

## Oficiala organo.

Ĉiuj sciigoj pri la XIX. Universala Kongreso de Esperanto kaj la III. Internacia Somera Universitato aperos en la oficiala organo de UEA „Esperanto", Ĝenevo.

## Fakaj kunvenoj.

Personoj, intencantaj kunvoki fak-kunvenojn, estas petataj kiel eble plej frue informi la L. K K.

## Afiŝoj.

La kongresaj afiŝoj estas sendataj al ĉiuj de ni konataj adresoj. Samideanoj, firmoj kaj institucioj, kiuj povas elmeti ilin videble, sendu siajn adresojn por senpaga ricevo de la afiŝoj. (Uzu respondkuponojn!)

## Kongresa Servo de UEA.

Por faciligi la partoprenon de la kongreso al kiom eble plej multe da personoj, UEA starigis servon de kombinita biletaro kiu entenas ĉion: kongreskotizo, aranĝoj, ekskurso al Zoppot, sestaga restado kun manĝo ktp., kiel la Turistaj biletoj eldonitaj okaze de la XVII-a kongreso en Ĝenevo. La biletoj jam nun povas esti mendataj.

A (unuaranga): Fr. 200.—, B (duaranga): Fr. 160.—, C (simpla): Fr. 125.—.

La „Kombinita Biletaro" devas esti mendata ĉe Universala Esperanto-Asocio, 12 Bd. du Théâtre, Genève.

## Karavanoj.

UEA preparas kelkajn karavanojn sub gvido de sperta samideano. Estas intencataj la jenaj karavanoj:

De Svislando: Eliro: Basel. Vojo Frankfurt — Berlin.
De Belglando: Eliro: Antwerpen. Vojo: Bruxelles — Liège — Köln a. Rh. — Hannover — Berlin.
De Franclando: Eliro: Paris. Vojo: Metz — Frankfurt — Berlin (Eble ankaŭ Paris — Bruxelles — Köln a. Rh.).
De Balkano: Koncentrigo: Wien. Vojo: Wien — Praha — Berlin.
Speciala vagonaro Berlin — Danzig.
Pli kompletaj informoj en venonta informilo.

Pro la malgranda nombro de hoteloj en Danzig estas konsilinde mendi jam nun la kombinitan biletaron de UEA.

## „Esperanto-Press“ en Warszawa.

Ĵus fondiĝis en Warszawa presa esp.-agentejo, nomita „Esperanto-Press“, kies direktoroj estas Stanislao Essigman, delegito de U. E. A. kaj prof. Leopold Kronenberg. Celo de la agentejo estas provizi ĉiujn redakciojn esperantajn kaj naciajn per artikoloj spegulantaj vivon politikan, socian kaj kulturan en Polujo. Tiu-ĉi-cele dissendas esperanto-press siajn artikolojn laŭ ĉiuj konataj adresoj de delegitoj de U. E. A., esperantaj kaj naciaj gazetoj kaj al esperantaj ĵurnalistoj.

Ĵus oni dissendis unuan „leteron el Polujo“, el kiu ni ĉerpas pĝ. 2, 3.

„Ĵus finiĝis en Warszawa VIII-a Kongreso de Pola instruistaro popollerneja. La Kongreso, vera sejmo de l' instruistaro, arigis 700 delegitojn, reprezentantaj ĉirkaŭ 40 000 de popolaj instruistoj. Kongreso estis salutata de multaj polaj eminentuloj, inter aliaj de la kulturministro Bartel. El eksterlando oni sendis al la Kongreso kelkajn leterojn, el kiuj menciinda estas letero de ĉeĥoslovakaj gimnaziaj profesoroj. Jen la fino de ilia letero:

„Ni deziras al via Kongreso plenan sukceson kaj ni vokas al vi: laborante por la patruja kulturo, ne forgesu, karaj kolegoj, la tuthomaran ideon kaj la plej bonan ilon por proksimigi al si la naciojn, la lingvon Esperanto, kiu estas kreita en Warszawa por la bono de la civilizacio“.

La leteron subskribis prezidantaro de l' esperantista sekcio ĉe la Asocio de Ĉeĥoslovakaj profesoroj, direktoro gimnazia Rudolf Friedrich en Brno kaj D-ro Stanislao Kamaryt, profesoro reallerneja en Bratislava.

Fine ankoraŭ iom pri esperanto, kies aŭtoro, D-ro Zamenhof, vivis kaj mortis en Warszawa. Polujo do estas la lulilo de tiu-ĉi genia interkomprenilo de nacioj. La saman tagon, kiam ni eksterlanden dissendas nian „Leteron el Polujo“, aŭdiencis ĉe la prezidanto de l' pola respubliko, prof. D-ro Mościcki, delegitoj de Pola esperantistaro: D-ro Czubrynski, D-ro Essigman kaj prof. Swiecimski. La prezidanto certigis delegitaron pri sia emo kaj konvinko por esperanto, kies disvolvon en Polujo li volas helpi“.

## El Internacia Esperanto-Servo.

Informa Bulteno de la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, 12 Boulevard du Théatre, Ĝeneve — n-o 12, decembro 1926 — ni represas jenan:

### Oficiala protekto de Esperanto en Anglujo.

La Angla Ministerio de l' Publika Instruado konsentis, kiel en la antaŭaj jaroj, pri subvencio al la kursoj de Esperanto, kiujn entenas la vespera kursaro por plenaĝuloj de l' diversaj urboj. Tiuj kursoj estas submetitaj al la regularo kaj la inspektado oficiala. En Londono sole nuntempe okazas 15 kursoj sub la aŭspicioj de l' London County Council kaj de la Asocio por Laborista Edukado.

I. E. S.

### Oficialaj Esperanto-ekzamenoj.

Por la 3-a fojo oficialaj ekzamenoj de Esperanto okazis en Vieno la 10-an de novembro. Dektri kandidatoj, inter ili 12 instruistoj kaj 1 eksterlandano, pasis la ekzamenon pri instruado kun distingo. Kvar personoj faris la ekzamenon pri kapableco kun plena sukceso.

En Londono okazos la esperanto-ekzamenoj de la Komerca Ĉambro de Londono.

I. E. S.

## Esperanto en la komerca instruado.

La Komerca Lernejo „Merkuro“ de Zagreb (Sudslavio) enkondukis Esperanton kiel devigan fakon en sian instruan progamon de 1926-27. I. E. S.

## Esperanto ĉe la universitato.

Oni jam menciis, ke la Universitato de Zagreb kreis katedron pòr Esperanto en sia komerca fakultato.

Sub la patronado oficiala de la Komerca Ĉambro la Universitato de Valencia (Hispanujo) starigis Esperanto-kurson en sia programo de fremdlingvoj. I. E. S.

## Esperanto en la servo de l' publiko.

Du delegitoj de l' Fervojaro de Finlando ĵus faris vojaĝon tra Eŭropo por studi la special-kondiĉojn de l' trafiko en la diversaj landoj. Ili vizitis 25 urbojn kaj 15 ŝtatojn kaj traveturis distancon de preskaŭ 10000 km. La sola fremda lingvo, kiun ili uzis, estis Esperanto, kiu sufiĉis al ili ĉie. I. E. S.

## Esperanto kaj la Polico.

### Germanujo.

La Prusa Ministerio de l' Interno ordonis (16. IX. 26, II M 107 n-ro 6) sekve al enketo, ke ĉiuj policistoj, kiuj parolas sufiĉe fremdan lingvon aŭ Esperanton estu distingataj per speciala insigno, portota dum la deĵoro.

### Belgujo.

En Antverpeno la unua kurso por policistoj komenciĝis jam en 1911. De post 1924 regulaj kursoj organiziĝas en la Polica Lernejo. Estas rimarkinde, ke en Antverpeno ekzistas jam pli ol 60 polic-oficiroj kaj -agentoj, kiuj parolas Esperanton.

Okaze de la XX. Universala Kongreso de Esperanto, kiu okazos en Antverpeno en 1928 novaj kursoj komenciĝos. I. E. S.

## Novaj Radio-disaŭdigoj de Esperanto.

Nova kurso komenciĝis de la stacio de Ekaterinoslav (Siberio) la 30-an de novembro. La stacio de Krasnodar dissendas raportojn en Esperanto ĉiumerkrede. Paroladoj estas avizitaj de l' stacioj de Dublino (Irlando) kaj Cleveland (Ohio, U. S. A.), kie kurso ĵus finiĝis. La 15-an de decembro, la stacio de Breslaŭ (Germanlando) disaŭdigis programon tute en Esperanto. La amatora posteno 8 IX en Orly (Seine) dissendas en tiu ĉi lingvo. La radio-direkcio de Praha, kiu antaŭe rifuzis enkonduki Esperanton, konsentis, ke kurso de tiu ĉi lingvo estu desaŭdigata de sia stacio en Brno. I. E. S.

## La Unio de Internaciaj Asocioj kaj Esperanto.

La intereso de la Unio de Internaciaj Asocioj en Bruselo por Esperanto montras diversajn eblecojn de l' aplikado de tiu ĉi lingvo en la internacia afero.

1. La Unio uzas Esperanton kiel lingvon de korespondado kaj en siaj kongresoj.



2. Ĝia Monda Muzeo enhavas salonon de Esperanto.
3. Ĝia repertuaro universala de bibliografio enhavas sekcion de Esper.
4. Esperanto figuras, kun speciala divizio, en la decimala klasifiko.
5. Mallonga manlibro de l' decimala klasifiko aperis en tiu ĉi lingvo. Eldono poliglota kun Esperanto estas en preparo.
6. En la internacia Bibliografio, sekcio Esperantista estas kreita.
7. Ĝia dokumenta enciklopedio enhavas grandan nombron da aktoj rilate al tiu ĉi lingvo.
8. En la Muzeo de l' Gazetaro, kiu enhavas pli ol 80000 specimenojn de diversaj ĵurnaloj, Esperanto estas reprezentita.

La uzo de Esperanto estas ankoraŭ antaŭvidita por aliaj sekcioj de la Unio.

I. E. S.

## Esperanto en la internaciaj kongresoj.

La Internacia Kongreso de la Federacio de l' Societoj Antialkoholaj de l' Oficistaro de fervojoj en Parizo, unuanime alprenis la sekvantan rezolucion en sia kunsido de 25-a de Oktobro:

La kongreso, konvinkite, ke la interkompreno estas de granda graveco en internacia kongreso,

konscia pri la malfacilaĵoj, kiujn renkontas la societoj en certaj landoj por trovi en sia rondo delegitojn, kiuj scias la lingvojn, kutime uzitajn en la kongresoj,

rekonas, ke komuna helplingvo prezentus la plej grandan utilecon kaj esprimas la deziron, ke la sekretariejo preparu por la proksima kongreso raporton pri la rezultatoj, atingitaj en tiu ĉi kampo.

La delegito de l' finlandaj fervojistoj en tiu kongreso ne povis uzi alian fremdlingvon ol Esperanton.

I. E. S.

## La Lumbildoj en Lernejoj de Pollando

estas tre ofte uzataj En Warszawa preskaŭ ĉiu lernejo havas propran aparaton; se ne, kelke da proksimaj lernejoj uzas komunan lanternon kaj ilustras per lumbildoj la lecionojn pri historio, naturscienco kaj geografio. Lumbildojn oni ordinare ne aĉetas, ĉar ekzistas kelke da societoj, kiuj por malgranda pago pruntedonas ĉion necesan.

En aliaj urboj ĉiuj lernejestroj kolektas monon kun la helpo de gelernantoj por aĉeti aparaton. Por vilaĝaj lernejoj prefere liveras aparaton la lernejinspektoro; tiu ĉi aparato dum la vintro ĉirkaŭiradas tutan distrikton.

La filmaparato malofte estas videbla nur en la plej gravaj lernejoj de niaj ĉefaj urboj. Statistikon pri uzado de lumbildoj kaj filmoj en Polujo mi ne konas.

B. Gluchowski, Warszawa.

## Gekolegoj kunlaboru al TEPS!

Tutmonda Esperantista Pedagogia Servo (TEPS) funkcias de jam unu jaro kaj eldonas ĉiumonate maŝinskribitan informilon 12—16-paĝan sendatan nur al la kunlaborantoj. Jam aperis cento da artikoloj, kiujn represis plejparte kelklandaj pedagogiaj gazetoj. El tiuj informiloj, „Internacia Pedagogia Revuo“ ĉerpas multon.

Dezirante pliampleksiĝi, TEPS alvokas ĉiulandajn gekolegojn partopreni en nia faka peresperanta laboro, kiu estas la plej trafa propaganda metodo. Bazo de TEPS estas reciproka helpo: ĉiu kunlaboranto verkas (tradukas aŭ kompilas) ĉiumonate artikolon pri grava kaj aktualeca demando instruista — kompense li ricevas la informilon senpagan.

TEPS ĉefe bezonas korespondantojn en la malgrandaj eŭropaj landoj kaj ekstereŭropaj: Azio kaj Ameriko. TEPS alvokas vin al kunlaboro ĉi nuran fojon. Turnu vin al: M. Boubou, 96, rue St-Marceau, Orléans, (Loiret) Francujo.

## Laŭdinda Pioniro en Pollando.

K-o Gluchowski — Warszawa, kiu jam estas konata al nia legantaro, skribis al la administrejo:

Mi kore dankas por la skribaĵoj kaj Novaj Tempoj. La enhavon de via karto mi tradukis por redaktoro de „Glos Nauczycielski", klarigis al li signifon de artikoloj en N. T. kaj postulis, ke li presigu „Alvokon al la Esperanto-instruistaro tutmonda". Li konsentis kaj eĉ volas lerni Esperanton. Ĉio do aperos post unu ĝis du semajnoj. (skribite 30. XII. 26.) Nun mi presigas aliajn tradukaĵojn el N. T. En „Glos Nauczycielski" 5. XII. kaj 12. XII. aperis mia artikolo „Ni lernu lingvon Esperanto" kun alvoko al gekolegoj, ke ili grupiĝu ĉe nia instruista asocio. Mi ricevis pli ol 30 leteroj. La duono de skribintoj volas nun lerni Esperanton, alia duono jam konas kaj uzas ĝin. Mi kalkulas, ke jam nun en Pollando ni havas 25—30 Esperanto-instruistojn. Ni komencas laboron kaj esperas bonajn rezultojn. Por instruistoj de Warszawa mi aranĝos en januaro Esperanto-kurson. La prezidanto de nia instruista asocio, senatano Novak, plene aprobas Esperantomovadon kaj ĝojos, se fondiĝos Esp.-grupo de instruistoj . . . "

Ni denove dankas al k-o Gluchowski por lia vigla laboro kaj sukceso.

Admin.

## Ĝojiga Rezulto.

Por ne rompi nian promeson, ni aperigas la nomojn de tiuj k-doj, kiuj sendis la abonon ĝis 5. Jan. 1927.

**Saksio** (32 : Melzer, E. Klemm, Hörning, Zeiler, Wohlrab, Schröder, Löhn, Leichert, prof. Dr. Göhl, Fabian, Reichenbach, Mattschenz, Hamm, Walther, Rothe, Otto, Wünsche, Heyde, Hahn. Starke, Sohrmann, Protze, Flade, Meisgeier, Degen, Bergter, Mädebach, Weitzmann, Hildebrand, Naumann, Schneller, Spange.

**Germanio** (27): Dopp, Hellinger, Dörich, Arndt, Diesler, Hammermeister, Elten, Hoffmann, Dreusicke, Schönrich, Bauch, Block, Harder, Krawinkel, Kropp, Kraus, Peiserich, Schutkowski, Jänisch, Klook, Falkenstein, Göttelmann, Pfaff, Hanuschke, Berg, Bräuer-Freib., Wilbert.

**Rusio** (13): Nikitin, Pustinnikov, Koĵevnikov, Genŝaft, Bilinski, Bibliot, D. Prosv.-Moskvo, Polakov, Vozniĵenski, Ŝĉerbakov, Svistunov, Zlatopolskaja, Pritulo, Samorukova.

**Aŭstrio** (1): Schöpfer. — **Litovio** (1): Ruzgas. — **Danio** (1): Jörgensen. — **Bulgario** 2 : Kolev, Ivanov. — **Ĉeĥoslovakio** (1): Rambouskova. — **Latvio** (1): Bruklis. **Nederlando** (1): Beckeringh. — **Anglio** (3): Hunter, Guérithe, Hancock.

Tio jam estas (kun 6 sciigitaj en n-o 11/12, 1926) 89 abonantoj, en kiu nombro ne jam estas kalkulitaj ti-kiuj pagis al agento kaj ne jam estis sciigitaj al la administrejo.

## Varbo de kolegoj.

Ni dankas al k-doj Hoffmann — Asssaunen, Hahn — Gohlis kaj Heinrich — Plauen, kiuj sendis adresojn de Esperanto-instruistoj laŭ nia peto en Novaj Tempoj.

Admin.

## Donaco al nia Gazeto.

K-do Elten — Hildesheim sendis 1.— M kiel subtenon al la gazeto. Ni kore dankas. Ĉar ni plibonigis la gazeton ne plialtigante la abonprezon, ni atentigas ankaŭ aliajn gekolegojn, ke ni danke akceptas subtenon profite al

INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO.

## Bona Propagandilo.

Bona propagandilo estas nia Internacia Pedagogia Revuo. Pro tio, kara kolego, abonu ĝin por la instruista unuiĝo, en kiu vi estas membro! Post unu jaro la unuiĝo mem verŝajne abonos ĝin. Kaj la estimata eldonejo de I. P. R. sendu po 1 ekzempleron dum tuta jaro al la prezidantoj de la naciaj instruistaj asocioj!

E. Markaŭ, Potsdam, Germanujo.

## Granda sukceso de la Esperanto-grupo Odessa.

Nian lernejon vizitis geedzoj Yelland, revenante de Leningrada SAT-kongreso. K-dino Snĵadinova Yelland dum unu horo rakontis esperante pri sia vojaĝo kaj pri impresoj per tiel simpla kaj klara lingvo, ke mia gelernantoj, kvankam nur lernantaj Esperanton dum 6 semajnoj, tamen ĉion komprenis. La entuziasmo estis grandega. La estro de lernejo, k-do Jaĉnij, komencis studi Esperanton. Per la vizito de klasoj kaj salutado je la nomo de anglaj gelernantoj gek-doj Yelland forte impresis ĉiujn. Tuta lernantaro volas lerni Esperanton. Gek-doj Yelland kun intereso konatiĝis kun nia tute porspeca lernejo. Precipe plaĉis al ili la lecionoj de ritmiko kaj de muzika edukado.

La gelernantoj volas vaste korespondadi kaj interŝanĝi P. I., muziknotojn, desegnaĵojn, ilustr. ĵurnalojn. La adreso estas: Ostrovidova 61, Muztrud-Ŝkola Esperanto-grupo Odessa, U. S. S. R.

(La aĝo estas: III. Kl. 11—12 jaraj, IV. Kl. 12—14 jaraj kaj grupo de fraŭlinoj 15—17 jaraj).

V. Vozdvijenskij, Skolnij perevlok, Odessa.

## Nekrologo.

Kun dolora surprizo ni eksciis pri la morto de nia samideano A. Robin, instruisto (Ecouflant — Maine et Loire — Francio), okazinta la 27-an de Oktobro 1926, post trijara suferiga malsano.

Li estis la fondinto de UEAJ (Universala Esperantista Asocio Junularo) kaj de gazeto „Esperantista Junularo“, kiun li mem manpresis en la komenco kaj por kiu li elspezis multan tempon kaj monon. Antaŭ la malpermeso de

ministro Bérard, li instruis Esperanton al siaj lernantoj dum la vesperlernejaj horoj kaj iniciatis esperantan infangazeton por al ili inokuli pacamon kaj internacian senton.

De tri jaroj li ne plu partoprenis nian movadon, ĉar la kuracisto estis al li malpermesinta ĉian laboron kaj sendis lin al Pireneoj por resaniĝo. Ho ve! profesia malsano ne kompatis lin.

Li estis unu el plej kompetentaj esperantistoj el Francio kaj unu el plej spertaj mondlingvistoj el tutmondo. Lia scienca kaj pozitiva spirito kondukis lin al elstudo de la tuta problemo pri mondlingvo kaj al korkludo posteksperimenta. Li praktikis kelkajn aliajn projektojn — interalie: ido kaj occidental — maltimis eldoni kun idista kunlaboro dulingvan gazeteton „La moderna Edukisto", en esperanto kaj en ido kaj li verkis ne nur la esperantan parton, sed ankaŭ parton de la ida. Mortis tiu gazeto post unujara eksperimento. Restante sur scienca bazo, eĉ ne konsiderante la socian karakteron de internacia lingvo, k-do Robin pruvis per multaj artikoloj en diversaj revuoj, ke ido estas je multaj punktoj malsupera je Esperanto kaj ke reformoj montras ĝenerale malutilon kaj troigemon.

Historio de internacia lingvo montros lin, kiel nefanatikan kompetentulon, kiu science kaj praktike spertis la mondlingvon kaj ĝuste juĝis la diversajn konkurantajn sistemojn. Kvankam li bonvole kaj sentime sin lokis meze de l' idistareto, kiu provis logi lin, li restis esperantisto kaj eĉ antaŭvidis la nunan disiĝon nun okazantan ĉe la reformistoj de esperanto.

Progresema edukisto, li amis pacon pli ol ĉion. Du semajnojn antaŭ ol mortis, li tradukis esperantan pacifistan paroladon de Léon Bourgeois ĉar li juĝis la „racdemandon ĉiam aktualeca" kaj li deziris montri la fanfaronemon de idestro deklarinta, ke la artikolo estas neesperantigebla.

Malaperis bona kamarado, modesta, laborema, kompetenta kolego

Doloras edzino kaj infanoj!

Nian simpation al ili.

Lian kuraĝon al ni!

Marcel Boubou, Orléans.

## Pilgrimo.

La eldonejo skribas:

Pliriĉiĝo de originala literaturo! Ĵus aperis nova poemaro de JULIO BACHY 128 paĝa, sur bona papero, en formato 15×12.

Kolekto de diversaj originalaj parte aperintaj poemoj en Esperanto, Literatura Mondo, verkitaj de la plej fama poeto de Esperantujo!

Prezo por eksterlando 1 germana marko. Por revendistoj rabato de 33%.

Interesiĝantoj mendu ĉe Hungaria Esperantista Societo Laborista, Budapest VIII., József-körzt 9. I. 3. Hungaria poŝtĉekkonto 25168, aŭ ĉe ĉiuj esperanto-librejoj.

## Robert Kreuz.

**Esperanto im Handel und Verkehr.**

Ĉiutagaj komercaj konversacioj, komerca korespondado, varlisto kaj komerca terminaro.

Eldonejo: Ferd. Hirt & Sohn, Leipzig, Salomonstr. 15.

Prezo (112 paĝoj) 1,80 G. M.

Praktika komercisto skribis tiun libron. Sur ĉiu linio tio evidentiĝas. Komercantaj Esperantistoj, kiuj vi ne jam ricevis ĝin kiel premion de U. E. A., aĉetu kaj certe vi konsentos nian juĝon. Sed ankaŭ instruistoj kun granda utilo ĝin uzos. Arthur Degen, Leipzig.

## Korespondado.

Sovetio. K-do N. V. Bilinski (instruisto), Marksistskaja ul. 6, kv. 1, Moskvo IV, deziras interkoresp. pri demandoj pedagogiaj, morara k. a.

## Leterkesto de la Administrejo.

Grupo Auerbach. Ni sincere dankas al vi, ke vi diskutis la demandojn pri TAGE-kongreso kaj titolo de la gazeto. Kvankam ni ne povis agi laŭ viaj proponoj, ni esperas, ke vi estas tre kontentaj kun la solvo de ambaŭ demandoj.

## Nova Adreso de la Administrejo.

(1-an de Februaro): M. Goldberg, Frohburger-Straße 68 p, Leipzig S 3.

## La nova Gazetkapo

estas donaco de s-ro Bauer — Leipzig. Ni esprimas al li nian plej koran dankon por la arta desegnaĵo.

I. P. R.

## Saksaj abonantoj.

Nia ĝisnuna kasisto, k-o Heinrich — Plauen, dankinde konsentis, akcepti la kotizojn, ĝis la nova kasisto estos elektita.

## Propagando.

Nun nia gazeto aperis en nova, luksa vestaĵo. Ne prenu ĝin kiel komprenebla ĵon, sed helpu viaparte per senlaca propagando firmteni la progreson kaj atingi novajn.

Varbu por la packonferenco kaj la TAGE-kongreso en Praha, disdonante nian inviton

Varbu por

INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO.

Presejo: Dr. Karl Pickert, Leitmeritz, Bohemio.

## TARIFO DE LA ABONPREZOJ.

| Landoj | Prezoj en | Mono al Int. Ped. Revuo | Kotizo por** T.A.G.E. |
|---|---|---|---|
| Angla | ŝil. | 3 | 1,2 |
| Argentina | pes. or. | 2 | 0,8 |
| Aŭstria | ŝil. | 4 | 1,6 |
| Belga | nova mono | 4 | 1,6 |
| Brazila | milr. | 4 | 2 |
| Bulgara | lev. bulg. | 80 | 30 |
| Ĉekoslovaka | kron. ĉek. | 20 | 8 |
| Dana | kronoj d. | 2,5 | 1 |
| Estona | mark. est. | 250 | 100 |
| Finnlanda | mark. finl. | 25 | 10 |
| Franca | frankoj fr. | 12 | 5 |
| Germana | mark. or | 2,50 | 1 |
| Hispana | pesetoj | 4 | 2 |
| Hungara | kronoj or. | 2,5 | 1 |
| Itala | liroj ital. | 15 | 6 |
| Japana | jen. | 1,5 | 0,6 |
| Jugoslava | dinaroj | 35 | 14 |
| Litova | lid. | 6 | 2,4 |
| Latva | lat. | 3 | 1,2 |
| Nederlanda | gulden. | 1,50 | 0,6 |
| Norvega | kron. norv. | 3 | 1,2 |
| Pola | zlot. | 4 | 1,6 |
| Portugala | eskud. | 12 | 5 |
| Rumana | lev. rum. | 120 | 50 |
| Rusa | kop. oraj. | 1,25 | 0,50 |
| Sveda | kron. sv. | 2,5 | 1 |
| Svisa | frank. sv. | 3,5 | 1,4 |
| Usona | dolaro | 0,75 | 0,3 |

**) Abonantoj de Int. Ped. Revuo nur pagas duonan kotizon.

Abonon por Int. Ped. Revuo kaj kotizon por TAGE sendu en nacia mono per registrita letero plejeble pere de via landa agento al la administrejo.

Membroj de la germana asocio sendu la kotizon (4.— M: 1,— por la germ. asocio, 0.50 por TAGE kaj 2.50 M por Int. Ped. Revuo) al ĝirokonto „Esperanto-Vereinigung deutscher Lehrer, Leipzig-Leutsch, No. 27.857“, membroj de la saksa asocio al k-go Hans Heinrich, Plauen-Vo., Moritzstraße 76, ĝirokonto 20.094, Plauen-Vo.





## ABONINTOJ! ŜPARU MONON!

**Renovigu vian abonon pere de niaj agentoj**

**Landoj**

| | |
|---|---|
| Angla: | F-ino Kate Hancock, 35 Ashley Rd., Parkstone, Dorset. |
| Belga: | Lab. Esp. Grupo, 24, rue de Sévigné-Anderlecht, Bruxelles. poŝtĉ. 124.801. |
| Blankrusa: | Agentejo Esperanto, D. Snejĵko, Minsk, Poŝtkesto 33. |
| Bulgara: | Ivan Sarafov, Gabarevo, Kazanlika regiono. |
| Ĉekoslovaka: | Albin Neužil, lernejestro, Olomouc-Neředin. |
| Estona: | Agnes Dresen, Poska tanav 29-6, Tallinn. |
| Finnlanda: | Pârnânen, Sulkava, Lieviska. |
| Franca: | E.Vittecoq, instit. à. Bourville par Fontaine-le-Dun (S. Inf.). |
| Germana: | Goldberg, Frohburgerstr. 68 p. Leipzig-S 3 |
| Hungara: | Librejo de H. E. S. L. (Bleier Vilmos) Ujpest, Virag-utca 9. |
| Japana: | Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1. |
| Jugoslava: | Svetislav S. Petrovič, Skadarska 35, Beograd, Serbio. |
| Pola: | K. Majorkiewicz, Czersk-Pom. poŝtĉeka konto: PKO 202 100 (Poznan). |
| Rusa: | Centra Komitato de Sov. Esperant. Unio (SEU), poŝtkesto 630, Moskvo. |

## Propagando.

*Se vi konas Esperanto-instruiston, kiu ne jam legas Int. Ped. Rev. bonvolu sciigi ties adreson al la administrejo.*